# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
*psviana@terra.com.br*

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Majo n-ro 5/2008

## INVITO AL KAMPANJO: FARU RELEGON PRI ESPERANTO EN VIA URBO !

Ĉiu aktiva Esperantisto scias, kiel malfacile (aŭ multekoste) estas atingi amaskomunikilojn por informi pri nia afero. Dume, se ĉiu samideano de tempo al tempo farus prelegon pri la lingvo en sia medio, centoj, eble miloj da homoj estus atingitaj. Tamen, multaj Esperantistoj eble trovas malfacile organizi taŭgan, trafan materialon por fari tian prelegon. Por tiuj nespertuloj, ni preparis komputilan modelon de prelego. Temas pri 16 bildoj kun indikoj de bazaj informoj pri nia lingvo, kulturo kaj movado. Se oni uzas du, tri minutojn por klarigi ĉiun bildon, jen oni havas ĉirkaŭ 40-minutan prezenton en simpla kaj objektiva maniero. Oni aldonis komence konsilojn por la prelegontoj. Kompreneble, oni rajtas kaj devas riĉigi tiun prezenton per personaj aldonoj – temas ja nur pri senpretenda gvidlinio. Se oni ne disponas pri komputila projekciado, eblas transformi la materialon en travideblaĵojn por ordinara "retroprojekciilo", aŭ eĉ uzi ĝin en papera versio. La materialon oni sendis al ĉiu BEL-ano, per interreto. Interesitoj petu ĝin de Alfredo Aragon (Rio): alfredoaragon@hotmail.com . Provu vi mem: proponu prelegon pri Esperanto en lernejoj, kulturdomoj, kluboj, bibliotekoj, aŭ eĉ simple al grupeto de amikoj, hejme. Disvastigo de Esperanto estas tasko unuavice de Esperantistoj!

## ESPERANTA FLAGO FLIRTAS EN TURISMAJ LOKOJ

Foto: Joaquim Caldas

Pluraj Esperanto-kluboj ekskursas en nia lando. Evitante krokodiladon kaj portante la verdan flagon, grupoj da samideanoj promene, amuze kaj kleriĝe movadumas. Jen interesa maniero propagandi, praktiki la lingvon kaj fortigi la ligon inter la klubanoj:

★ en San-Paŭlo, sub gvido de Milena Rinaldi, grupo vizitis belan parkon, en la lasta monato aprilo;

★ en Rio, gvide de Evando Caboclo, je la 26-a de aprilo, grupo de AERJ-anoj vizitis la konatan "mondmirindaĵon" – la statuon de Kristo sur monto Corcovado;

★ el Lorena, grupeto da lokaj klubanoj ekskursis al la Baziliko de Nia Sinjorino Aparecida, kun informado pri ties historio kaj arkitekturo kaj vizito al la loka muzeo.

Foto: Paulo S. Viana

## VETERANO 80-JARIĜAS EN TAUBATÉ

La fervora samideano Alcyr G. Almeida estas modela "verdulo", kiu dum jardekoj laboradas por nia afero en siaj urbo kaj regiono. Lastatempe, li eĉ konstruigis sidejon por la urba klubo en parto de sia propra hejmo. Gratulojn al alcyr@vivax.com.br.

## CAMPANHA: "FAÇA UMA PALESTRA SOBRE O ESPERANTO EM SUA CIDADE"

Para auxiliar esperantistas dispostos a divulgar nosso movimento, estamos disponibilizando material para computador (passível de transformação em transparências ou impressão em papel). Trata-se de 16 quadros contendo um roteiro prático com informações básicas sobre o idioma e seu significado cultural. Se o candidato a palestrante usar 2 a 3 minutos em cada quadro, terá feito uma palestra de aproximadamente 40 minutos. O material contém um quadro inicial com instruções para uso. Proponha palestras sobre o Esperanto em clubes, associações culturais, escolas, bibliotecas, etc. Peça o material pela internet a alfredoaragon@hotmail.com . O roteiro já foi enviado em abril de 2008 a todos os associados da Liga Brasileira de Esperanto, por internet.

## BANDEIRA DO ESPERANTO PASSEIA

Em São Paulo, grupo excursionou num parque da capital,. em abril . No Rio, sócios da Associação Esperantista do Estado do Rio visitou o Corcovado e o Cristo Redentor. De Lorena, pequeno grupo de samideanos visitou a Basílica de Aparecida, com explicações sobre sua história e significado cultural, com visita ao museu. Todos portaram a bandeira do Esperanto.

## VETERANO ANIVERSARIA EM TAUBATÉ

O ativo Alcyr G. Almeida, presidente do Taubaté Esperanto-Klubo, comemora seus exemplares 80 anos de vida. Parabéns! Escreva para alcyr@vivax.com.br .

# BEL informas

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Majo n-ro 5/2008

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br


## MESAĜO DE LA RESPONDECULO PRI LA 43-A BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO

El la Loka Kongresa Komitato, Ivaldo ni ricevis la jenan mesaĝon:
Komisiita de la Kongresa Komitato kunordigi tiujn diskutojn, jen mi lanĉas al la brazila esperantistaro la alvokon pripensi la temon "INFANO - KIA GRUNDO" kaj tiel kontribui por altnivela antaŭenigo de nia brazila movado surbaze de ampleksa kaj demokratia kunlaboro. Do, Vi kiuj konstante rezonas pri la movado mem kaj ĝiaj gvidlinioj; Vi kiuj seninterronpe (kaj eĉ sporade) aktivas cele al pli vasta progreso de Esperanto; kaj Vi kiuj speciale spertas pri agado sur la infan-grundo, bonvolu senprokraste prezenti viajn sugestojn, proponojn, ktp. Kiamaniere vi povas partopreni ? Vi povas tutsimple nur opinii kaj sugesti, proponi kaj disponigi viajn spertojn. Vi povas fari tion per argumentoj ĉi-tie en la ĉefaj brazilaj diskutlistoj (kun kopio al mia retadreso ivaldesouza@yahoo.com.br) kaj/aŭ ĉeeste dum la specifaj sesioj de la kongres-programo. Se vi hazarde ne emas aŭ ne volas partopreni tiun diskutadon, vi povas prezenti iun konaton vian, kiu, laŭ via scio, spertas pri la agado ĉe la infanoj de Esperantio, tiel ke mi povu rekte inviti lin/ŝin al ĉefdebato. Ivaldo Souza.

## KURSO EN BARBACENA / MG

Grupo por Studado de Esperanto, de AME/Barbacena/ŝtato Minas Gerais, anoncas novan bazan kurson de nia lingvo, komencitan je 08/05/2008. Oni eldonis belan afiŝon. Adreso: R. Monsenhor João Gonçalves 1, loja 1. Tel.: 323338054

## TREJNADO DE INSTRUISTOJ EN RIO

La aktiva samideano Paulo Carvalho informis, ke je la 27-a de aprilo, ĉe "Sindicato Rural", en la kvartalo Campo Grande, Rio, okazis XI-a Trejnado de Instruistoj de Esperanto, sub la aŭspicio de EKOR (regiona movado). Partoprenis 26 samideanoj, kiuj ĉeestis lecionojn pri Psikologio, Pedagogio, instrukcioj por instruado al infanoj, didaktikaj ludoj kaj organizado de lecionoj. Imitinde!

## PORINFANA RETEJO

Jen ni ricevis la jenan mesaĝon, kiu eble interesas multajn homojn: Karaj geamikoj! En la lasta 15-a de decembro 2007, omaĝe al nia majstro Zamenhof, estis lanĉita la retpaĝaro PORINFANA ESPERANTO-RENKONTEJO kies jam funkcianta adreso estas www.porinfana.net. Aliru ĝin kaj opiniu! Plenrespekte al ĉiuj, Eva Satierf – BRAZILO

**Ĉu vi jam aliĝis al la 43-a Brazila Kongreso de Esperanto?**

Fortaleza atendas nin de la 12-a ĝis la 16-a de julio!

### MENSAGEM DE RESPONSÁVEL PELA COMISSÃO ORGANIZADORA DO 43º CONGRESSO BRASILEIRO DE ESPERANTO

Ivaldo Souza, de Fortaleza, convoca a todos a participar e colaborar num amplo debate que se planeja estabelecer, por ocasião do evento. O tema do congresso visa ao papel do Esperanto e do movimento esperantista frente à infância e adolescência – nosso futuro. Espera-se da comunidade esperantista o estabelecimento de metas e estratégias nesse sentido. Colabore! Faça contato: ivaldesouza@yahoo.com.br .

### CURSO EM BARBACENA

Iniciado curso de Esperanto na cidade mineira, sob responsabilidade da AME local, Grupo de Estudo de Esperanto.

### TREINAMENTO DE PROFESSORES NO RIO

O ativo samideano Paulo Carvalho informa que em 27/04 aconteceu o 11º Treinamento de Professores de Esperanto, em Campo Grande, Rio. Participaram 26 pessoas, que receberam instrução em Psicologia, Pedagogia, técnincas próprias para crianças e didática.

### SÍTIO PARA CRIANÇAS NA INTERNET

Por indicação de Eva Satierf, acesse o sítio www.porinfana.net , em funcionamento desde 15/12/2007, em homenagem a Zamenhof.

VOCÊ JÁ FEZ SUA INSCRIÇÃO NO 43º CONGRESSO BRASILEIRO DE ESPERANTO? FORTALEZA NOS ESPERA DE 12 A 16 DE JULHO!